# Denove pri la kunlaboraj interkonsentoj

IFEF jam havas „Kunlaboran Interkonsenton” kun tri fakaj asocioj:
— Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA),
— Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE),
— Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI).

Ĉiuj asocioj kune kun IFEF estas aliĝintaj fakaj asocioj de la Universala Esperanto-Asocio (UEA). Tiuj interkonsentoj enhavas eblecojn por akiri veran kunlaboron, kaj helpi la fakan agadon en siaj fakaj terenoj.

Laŭ la interkonsento kun UMEA – inter aliaj – donas al IFEF ekkonon pri la gravaj malsanoj, kiuj okazas ĉefe inter la fervojistoj pro la specialaj laborterenoj, pri kio esperantistaj kuracistoj, flegistoj verkis artikolojn en niaj fakaj revuoj. UMEA organizas kursojn en la fervojsanitaraj institutoj, kaj vizitojn en la hospitaloj dum la Universalaj Kongresoj, ktp.

ISAE povas helpi al ni sur la tereno de la fervoja branĉo de la scienco, ĉefe en la kadro de la fake aplika kaj terminara agadoj. En la „Scienca Revuo” kaj la membroj de ISAE, kaj ni povas aperigi fervojfakajn artikolojn por ekkoni nian laboron kaj agadon.

Dum la 64-a IFK ILEI kaj IFEF subskribis „Kunlaboran Interkonsenton”. ILEI estas la ĉefa kolektiĝejo por instruistoj kaj edukistoj de Esperanto, kaj ĝi havas sekciojn en pli ol 30 landoj kaj membrojn en pli ol 45. En la vivo de ĉiuj Esperanto-organizoj unu el la plej grava temo estas la lingvoinstruado kaj la perfektiga kurso. Inter alie sur tiu tereno la membroj de ILEI povas helpi al ni. La unua paŝo estis jam dum la 64-a IFK, kiam okazis komuna seminario en tri partoj kun la gvido de ILEI prezidanto Stefan MacGill. La seminario bone sukcesis, kaj ILEI jam laboras progresigi la kurson tiel, ke en la sekva IFK en Bordozo la seminario ne temos simple pri ripeto de la herzberga, sed evoluigita versio de ĝi.

Mi esperas, ke ĉi tiuj kunlaboraj interkonsentoj akcelas la evoluon de IFEF, kaj ni povos daŭrigi tiun vojon kun kelkaj aliaj fakaj asocioj.

**István Gulyás**

## Frontpaĝo:

La Esperanto-placo kun la Giessner monumento
antaŭ la stacidomo Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo

## Enhavo:

# IFEF KONGRESIS EN LA „ESPERANTO-URBO”

Jam la sesan fojon gastigis la landa asocio de IFEF en Germanio la fervojistajn esperantistojn por kongresi. Post Lindau (1952), Fulda (1967), Regensburg (1981), Münster (1992) kaj Dresden (2003) sekvis en la vico la ĉarma, idila urbo Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, kie okazis la 64-a IFEF-kongreso inter la 19-a kaj la 25-a de majo 2012. Al la kongreso aliĝis entute 160 esperantistoj el 21 landoj.



*Partoprenantoj dum la inaŭguro de la 64-a IFK*

Herzberg am Harz laŭ la decido de la urba konsilantaro de julio 2006 uzas la oficialan kromnomon „Esperanto-urbo”. La urbo estas vizitinda ne nur pro la klerigaj aranĝoj de la Interkultura Centro Herzberg, sed ankaŭ pro la bela pejzaĝo kaj la interesa historio. En la urbo troveblas multnombraj trankvilaj anguloj kun malnovaj sed tamen bonstataj kaj belaspektaj faktrabfasadaj domoj, puraj kaj florriĉaj stratoj, la nova kaj malnova urbodomo, sur la monteto la pli ol 900-jara Kastelo de Welf-familio kun muzeo, la granda Jues-lago kun flegataj gazonoj, centjaraj arboj, multaj akvobirdoj kaj subĉiela naĝejo ktp. Dise en la urbo troveblas multaj Esperanto-objektoj, konstruaĵoj kaj informtabuloj, inter ili la Giessner-monumento antaŭ la stacidomo, la Zamenhof-monumento ĉe la plej frekventata loko de la urbo, dulingvaj ŝildoj kaj informtabuloj, kelkaj restoracioj kun esperant-lingva menukarto k.a. La plej grava konstruaĵo en la urbo por la esperantistoj estas la „Interkultura Centro Herzberg”. Gi havas diversajn funkciojn, kiel sidejo de la regiona E-Societo Sudharco, filio por klerigado kaj kulturo de Germana E-Asocio, sidejo



*Komuna fotado post la inaŭguro*



*Dum la marŝado en la ĉefplaco*

de la Asocio de Germanaj E-Institutoj, la landa sekcio de ILEI, kursejo kaj ekzamenejo. La Centro plenumas ankaŭ la rolon de organiza kaj informa centro pri Esperanto en la urbo Herzberg am Harz.

La vetero estis dum la tuta kongressemajno sunbrila kaj varma. La estraranoj kaj la LKK-anoj loĝis en la hotelo „Jagerhof", kiu situas pr. du kilometrojn de la kongresejo. Dank' al Dio, ke LKK certigis por ni aŭtobuseton, per kiu ni povis multfoje rapide trafiki inter la hotelo kaj la kongresejo. Mem la kongresejo estis en la restoracio „Artemis".

**Sabate** la unua programero de la kongreso estis komuna *Kunsido inter la IFEF-estraro kaj LKK*, en kiu kadro ni traktis kelkajn organizajn temojn.

Samtempe okazis la unua parto de la *Lingvoseminario* gvidata de la prezidanto de ILEI, Stefan MacGill. En la seminario partoprenis dek interesuloj el Brazilo, Slovakio, Rumanio, Ganao, Germanio kaj Hispanio.

Vespere okazis la *Interkona vespero* en la kongresejo, kiam la ĉeestantoj salutis unu la alian, kaj babiladis pri la okazintaj eventoj depost la pasinta IFEF-kongreso. Ni tre ĝojis, ĉar venis esperantistoj el Ĉinio, Brazilo kaj Ganao por partopreni la kongreson.

**Dimanĉe** antaŭtagmeze okazis la *Solena inaŭguro* de la kongreso en la impona halo de la Nicolai lernejo. Komence gimnazianinoj lernantaj Esperanton deklamis la poemon „La vojo". Poste la kongreson salutis la reprezentantino de BSW s-ino Margarete Zavoral, kiu en sia parolado skizis la nunan situacion de BSW, kaj substrekis la valoron de Esperanto. La urbestro s-ro Gerhard Walter sian germanlingvan paroladon tuj li mem tradukis esperantlingven. Li akcentis la gravecon de Esperanto en la vivo de la urbo Herzberg, emfazis la internacian agadon de la Interkultura Centro Herzberg, kaj taksis nian kongreson grandsignifan



*Inaŭguro de la Esperanto-placo*

eventon. Stefan MacGill prezidanto de ILEI substrekis la gravecon de la komenciĝanta kunlaboro inter IFEF kaj ILEI. Poste la reprezentantoj de la landaj asocioj salutis la kongreson. Dum la inaŭguro okazis muziko fare de pianisto kaj violonĉelisto, kaj belaj kantoj de la fervojista virkoruso el Hannover.



*La folklora grupo „Harz-Klub Phölde“*

Fine la prezidantino de IFEF Rodica Todor faris festparolon. La tekston de la festparolo vi povas legi aliloke en tiu ĉi numero de IF. La prezidantino en la kadro de sia festparolo transdonis la distingon „Honoran Diplomon” al la LKK-prezidanto Achim Meinel pro la organiza laboro, al la urbestro de Herzberg Gerhard Walter pro la invito por kongresi en la Esperanto-urbo kaj pro la helpo de la organiza laboro, al Zsófia Kóródy kaj Peter Zilvar pro la sindona agado kaj fervora varbado por la 64-a IFEF-kongreso.

Post la inaŭguro en sunbrila vetero okazis *Komuna fotado* kun internacia fervojista uniform parado. Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj prezentis fervojan uniformon, kaj la Interkultura Centro disdonis flagojn de la partoprenantaj landoj, kaj multajn Esperanto-flagojn. Venis blovorkestro kaj sekvis *Parada marŝo* tra la malnova urboparto ĝis la ĉefplaco. Policistoj helpis la marŝon, kaj certigis la vojon. En la ĉefplaco la urbestro parolis pri la graveco de la Esperanto-movado ne nur por ni, sed por la urbaj civitanoj. De la ĉefplaco la marŝo daŭriĝis ĝis la kongresejo gvidante de la blovorkestro. Multaj urbaj loĝantoj rigardis kaj aplaŭdis la marŝon. Bonega ideo kaj belega travivaĵo estis tiu ĉi evento por ĉiuj partoprenantoj.



*Akcepto de la vicurbestro*

Posttagmeze okazis la dua parto de la *Lingvo-seminario*.

Samtempe la urbestro s-ro Walter *Inaŭguris* antaŭ la stacidomo la *Esperanto-placon* kaj la *Joachim Giessner-Vojon*.

En la inaŭguro vigligis nin la blovorkestro el Silber.



*Ekskursantoj ĉe la 125-jara etŝpura fervojo*

Poste okazis la *Ekumena Diservo* en la romkatolika preĝejo Sankta Jozefo. La diservon gvidis pastro Bernhard Eichkorn kaj Siegfried Krüger. La tuta diservo okazis esperantlingve.

Dimanĉe vespere okazis *Harztipa folkloro*. La folklora grupo „Harz-Klub Phölde" per ĉarmaj kantoj kaj vervaj dancoj faris belan spektaklon, kaj la ĉeestantoj ĝuis la interesan prezentadon.

**Lunde** matene la invititaj kongresanoj kunvenis en la korto de la Kastelo Welf, kie la partoprenantoj povis admiri la belegan kastelan konstruaĵon kaj la ĉarme ornamitan turon. En la Kavalira Salono okazis bonveniga *Akcepto de la vicurbestro* s-ro Ullrich Schramke. La vicurbestro kun varmaj vortoj salutis la ĉeestantojn. La honora prezidanto de IFEF s-ro Romano Bolognesi respondis, kaj substrekis la dankadon de la kongresanoj pro la urba subteno de Esperanto. La prezidantino de IFEF s-ino Rodica Todor transdonis IFEF-blazonon al la vicurbestro, eĉ al la Interkultura Centro Herzberg.

Tuj post la akcepto komenciĝis la *Nepublika Komitatkunsido* en la Kavalira Salono. Ĉiuj invititaj komitatanoj, observantoj kaj honoraj membroj partoprenis. La komitato longe diskutis la kongresproponon, la elekton de la ĉefkomitatano kaj anstataŭanto, la kasraporton 2011 kaj la buĝeton por la jaro 2013, la situacion en kelkaj landoj, la venontajn kongresojn kaj eksterajn rilatojn. Dum la paŭzo de la kunsido okazis *Gazetara akcepto* kaj komuna fotado, kiu aperis en la sekvonttaga urba ĵurnalo.

Posttagmeze estis daŭrigata la tria parto de la *Lingvo-seminario*.

Samtempe okazis la *Kunsido de la Faka Komisiono*. La ĉefa punkto de la programo estis la elekto de la komisionaj funkciuloj. Sekvis reelekto de la gvidanto de la Faka Komisiono (Jan Niemann), kaj de la du sekretarioj (Heinz Hoffmann por la Terminara Sekcio, kaj Ladislav Kovař por la



*Ĉefplaco de Wernigerode*


La estraro de IFEF kunsidas

Fake-aplika Sekcio). La kunveno daŭriĝis per raportoj pri agado de ambaŭ sekcioj dum la lasta periodo, kaj poste okazis diskutado pri fakaj fervojaj terminoj. La kunsido traktis 16 fervojfakajn nociojn, kaj por ĉiuj nocioj estis deciditaj taŭgaj terminoj.

Vespere okazis la *Internacia balo* kun bona manĝaĵo kaj ĝuplena muziko. La partoprenantoj gaje dancis ĝis noktomezo, ĉar la orkestro „Silverbirds" dancigis nin je agrablaj melodioj.

**Marde** antaŭtagmeze multaj kongresanoj kolektiĝis en la kongresejo, por ke ili partoprenu en la publika *Plenkunsido*. Multaj tagordpunktoj estis traktitaj. Ni honoris niajn mortintojn, kaj aŭdis la mesaĝojn de SAT, de la Esperanto-redakcioj de Radio Havano, Vatikana kaj Pollando, de Kuba Fervojista E-Asocio, de János Patay kaj József Cziboly. La komitatanoj aprobis la estrarajn raportojn, la protokolon de Liberec, la raporton de la ĉefkomitatano, de la Faka Komisiono, de la komitatano „A" ĉe UEA, resumon de la landaj jarraportoj por la jaro 2011, kaj analizon en kelkaj landoj pri la nuna situacio. La komitato reelektis la ĉefkomitatanon (Jindřich Tomíšek el Ĉeĥio), kaj la anstataŭanton (Florin Negrea el Rumanio) por la sekvaj tri jaroj. La komitatanoj akceptis la buĝeton por 2013, kaj konfirmis la 65-an IFEF-kongreson por la jaro 2013 en la franca urbo Artigues-pres-Bordeaux, kiu okazos de la 4-a ĝis la 12-a de majo. Por 2014 neniu lando kuraĝas organizi kongreson, sed por 2015 la ĉinaj fervojistaj esperantistoj pretas gastigi IFK-on. Longa diskutado estis pri la principo de la pagoj de la tranoktoj de la estraranoj, funkciuloj de la Faka Komisiono kaj la ĉefkomitatano pere de LKK de la IFEF-kongresoj. La komitato decidis trakti la temon denove dum la venontjara IFK.

Post la plenkunsido okazis *Duontaga ekskurso al Göttingen*. La partoprenantoj veturis per trajno al la urbo, kie ni rigardis kelkajn malnovajn preĝejojn kiel la „St. Johannis", „St. Michael", „St. Jakobi", multajn faktrabfasadajn domojn kiel la 500-jaraĝa domo de Schröder, kaj ankaŭ 500-jaraĝa konstruaĵo de Abel Bornemann. Ni vizitis en la urbocentro la historian urbodomon, kie troviĝas granda prezentsalono kun blazonoj de multaj germanaj urboj, plurkoloraj kaj interesaj murpentraĵoj. Ni promenadis en kelkaj interesaj butikstratoj, en belege flegita parko, kaj ĝojigis niajn okulojn multaj belaspektaj konstruaĵoj.

Vespere la partoprenantoj ĝuis la interesan *Filmprezentadon*: „175 jaroj de



*La prezidantoj de ILEI kaj IFEF laŭtlegas la interkonsenton*

Germanaj Fervojoj".

**Merkrede** okazis la *Tuttaga ekskurso* al Nordhausen, kaj de tie per etŝpura trajno al *Wernigerode* tra la Harz-montaro. La trajnveturado estis interesa ĉefe por la fervojŝatantoj. En la mezepokstila urbo ni havis sufiĉan tempon por promenadi, foti, eĉ veturi per strata trajneto al la pitoreska baroka kastelo sur la montopinto. La urbo havas pli ol 30 mil enloĝantojn, kaj estas unu el la plej populara ripozloko de Germanio. La plej bela konstruaĵo de la urbo estas la gotikstila urbodomo, kiu ekde la XVI-a jarcento funkcias kiel urbodomo. En la placo antaŭ la urbodomo staras la „merkatputo" el la jaro 1845, kaj la „Gotika domo" el la XV-a jarcento. Multegaj faktrabaj kaj barokartaj domoj troveblas en Wernigerode. La preĝejoj „St. Sylvestri", „St. Johannis", „Liebfrauen" kaj „Teobald", la belega urba parko ankaŭ montras la riĉan pasintecon de la urbo. Post la kelkhora restado ni reveturis per speciala aŭtobuso tra la montaro al Herzberg.

Vespere la hamburga kantisto *Ralph Glomp* kun helpo de moderna tekniko ĝojigis nin per konataj kanzonoj kaj kantoj.

**Ĵaŭde** antaŭtagmeze okazis la *Ĉefa fakprelego* kun titolo: „La baltmara tunelo. Nova interligo al Skandinavio". La ege interesan temon kun lumbildoj prelegis Lene Niemann. Poste sekvis ok *Fervojfakaj aktualaĵoj*: Heinz Hoffmann: Sciindaĵoj pri Harcaj Etŝpuraj Fervojoj; Siegfried Krüger: Fervoja projekto Stuttgart 21; Lene Niemann: Metroo en Rijad; Jaroslav Matuŝka: Trafika salono de Universitato Pardubice; Ladislav Kovař: Nova silkvojo; Manfred Retzlaf: Rememoro je Joachim Giessner; Zlatko Hinst: Elstaraj kroataj esperantistoj; Pavlin Petrov Boevski: Novaĵoj de Bulgaraj Fervojoj.

Posttagmeze okazis *Duontaga busekskurso* tra la Harzmontaro al la belega urbo *Goslar*. Dumvoje ni haltis ĉe „Torfhaus", de kie ni povis admiri la plej altan monton de la Harz-montaro, la 1141 metrojn altan „Brocken". Goslar estas mondkulturheredaĵo de Unesko. En la urbo sub gvidado de Peter Zilvar kaj Zsófia Kóródy ni povis konatiĝi ne nur kun la historio de Goslar, sed ankaŭ kun ĝia varia arkitekturo. La mezepokaj domoj laŭ faktrabaj aspektoj, kaj la vere impona frua germana imperiestra palaco „Kaiserpfalz" elradiis apartan pitoreskan scenejon kaj mirigis la spektantojn. La partoprenantoj trapromenadis la kernon de la urbo, miris la konstruaĵojn, la purajn stratetojn, la belegan ĉefpreĝejon, la malnovan urbodomon.

Vespere la alia belvoĉa kantisto, la itala *Emanuele Rovere* ĝojigis nin per siaj enhavriĉaj kantoj.




*La urbestro en la Esperanto-placo*

**Vendrede,** en la lasta tago de la kongreso, prezentis sin la *Venonta kongreso*. La 65-a IFEF-kongreso okazos en Francio en la urbo Artigues-pres-Bordeaux inter la 4-a kaj 11-a de majo 2013. Per multaj lumbildoj kun klarigo prezentis nia vicprezidantino Sylviane Lafargue la vidindaĵojn de la urbo kaj la lokojn de la dumkongresaj ekskursoj. Ŝi konigis la invitilon kaj la aliĝilon, kaj iomete detale parolis pri la programo de la kongreso. Fine post la prezentado la organizantoj transdonis invitilojn kaj aliĝilojn al la responsuloj de la landaj asocioj.

Post la prezentado la prezidantino de IFEF Rodica Todor, kaj la prezidanto de ILEI Stefan MacGill solene subskribis la „Kunlaboran Interkonsenton".

Poste okazis la kunsido de *Faka Komisiono*, kaj samtempe *Estrarkunsido* de IFEF.

Poste sekvis la ĉiam atendata programero de la kongreso la *Movadaj aferoj*. La plej grava temo estis la estonto de IFEF. En la kadro de tiu temo ni parolis pri la sekva estrarelekto, pri la kongreso en 2014, pri la problemo de la faka laboro, pri la artikoloj por nia faka revuo „Internacia Fervojisto". La konkludon devos fari dum la aŭtuna estrarkunsido, por ke en la sekva IFK la komitato povu serioze trakti tiujn plej gravajn temojn de nia movado.

Dum la kongresa semajno aperis tri numeroj de la *Kongresa Bulteno* sub la nomo „Harca Balailo". Tiuj estas belaspektaj kun multaj fotoj kaj interesaj artikoloj. Ni gratulas al s-ino Magdaléna Feifiĉova kaj s-ro Fritz Lautenbach, la redaktoroj de la bulteno.

Posttagmeze okazis la *Solena fermo* de la kongreso. La LKK-prezidanto Achim Meinel taksis la rezultojn de la kongreso, kaj vokis al la podio la LKK- membrojn kaj la helpantojn, kaj dankis al ili la faritan laboron. Poste la prezidantino de IFEF Rodica Todor esprimis sian kontenton pri la aranĝo, kaj laŭdis la LKK-_membrojn, kiuj kontentige prizorgis ĉion.

Post la adiaŭparoloj la kongresa flago estis malhisata kaj transdonata al la sekvonta kongreslando Francio.

Do ĝis revido en Artigues-pres-Bordeaux en la 65-a IFEF-kongreso en la jaro 2013.

**István Gulyás**

# FESTPAROLO de RODICA TODOR, IFEF PREZIDANTINO dum la Solena Malfermo de la 64-a IFK

Ekde kiam mi aliĝis al IFEF kaj partoprenis plurajn kongresojn, ĉiam mirigis min la entuziasmo, la sindonemo kiu karakterizas la LKK-anojn el diversaj landoj, kie IFEF kongresis.

Pere de ĉiuj proponitaj programeroj ili kapablis propagandi pri Esperanto al la ekstera publiko, sukcesis transdoni al la ĉeestantoj la sentojn de amikeco kaj interkomprenemo, sed ankaŭ ebligis instruon pri propra kulturo kaj historio, pri diversaj tradicioj kaj belegaj regionoj de la koncerna lando. La lasta kongreso en Liberec estis unu el la plej sukcesaj kongresoj laŭ aranĝo kaj kvalito, kiujn mi partoprenis ĝis nun. Mi povas diri tion laŭte kaj publike, ĉar mi certas, ke niaj amikoj el aliaj Lokaj Kongresaj Komitatoj, kiuj same faris ĉion por ke IFEF havu belajn kaj bonajn kongresojn, aprobos min. La IFEF kongreso en Liberec estis – laŭ ĉiuj opinioj, kiujn mi ĝis nun kaptis – mirinde bona, mirinde kompleta. Mi mem povas diri same, kiel simpla esperantisto, kiel partoprenanto.

Ĝuste pro tio estas provoke kaj malfacile por mi trovi la plej taŭgajn vortojn per kiuj esence priskribi la nunan 64-an IFEF kongreson, kiun partoprenas 16o esperantistoj alvenintaj de 21 landoj, el pluraj anguloj de la mondo.

Kio povus allogi ĉi tien tiom da interesitoj?

Eble tial, ĉar ĉi tiu kongreso okazas en la **unua urbo**, kies oficiala nomo enhavas la vorton Esperanto.

Aŭ kongreso organizata en Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo, kie la urbestraro mem, pere de sia Esperanto-parolanta urbestro, s-ro Gerhard Walter, ludas aktivan rolon en la organizado.

Ĉu ankaŭ kongreso en kies LKK troviĝas reprezentantoj de du gravaj esperantaj federacioj, ILEI kaj IFEF, ambaŭ aliĝintaj al UEA? Kaj kiuj, ĉi tie kaj nun, malfermas la pordon de fruktodona kunlaboro, pere de la unua internacia seminario pri la arto kaj ebloj instrui Esperanton en fervojistaj rondoj, okazonta enkadre de la kongresa programo?

Aŭ eble allogas nin kongreso, kiu okazas en urbo kie loĝis, laboris, verkis kaj instruis Esperanton eminenta persono, dum multaj jaroj prezidanto de Germana Esperanta Fervojista Asocio, la plej longdaŭra prezidanto kaj nuna Honora Prezidanto de IFEF, Joachim Giessner. La fingropremo de lia personeco ankoraŭ forte senteblas ĉi tie.

Ni ne forgesu, ke estas kongreso organizata de la plej multenombra landa asocio de IFEF, asocio kiu okazigis ĝis nun kvin kongresojn kaj kiu povas fieri, ke ĝi estas la unua landa asocio de IFEF, kiu fondiĝis la 2-an de oktobro 1910, kiel Germana Esperanta Fervojista Asocio. Kaj kiu, en bona germana tradicio, konservis dum jaroj por la oficiala bulteno la nomon de la unua faka organo de nia federacio, aperinta en decembro 1910, nome „Fervoja Esperantisto".

**La propran germanan organon, kiu datumas de 1952, mi gratulas okaze de ĝia 60-jariĝo!**

Krom Joachim Giessner, estas multaj elstaraj personoj, kiuj skribis la historion de GEFA, sed la listo estas tro longa por mencii ĉiujn…

Nome de IFEF mi deziras esprimi dankojn al ĉiuj germanaj fervojistoj esperantistaj kaj konkretigi tiujn dankojn per honorigo de kelkaj inter ili, jam kutima emocia momento dum solena inaŭguro.

Malgraŭ siaj sanaj problemoj, s-ro **Achim Meinel**, prezidanto de GEFA, tute ne rezignis pri apogo kaj atente sekvo de la malfacila organiza laboro de la LKK. Ni honorigas lin pro sia tuta agado, per Honora Diplomo por elstaraj meritoj subtene al IFEF.

Kaj certe vi aprobos la decidon esprimi niajn dankojn kaj honorigi per Honora Diplomo de IFEF s-ron **Gerhard Walter**, kies koro batas por Esperanto, kaj dank` al kies invito ni havas la plezuron kongresi en tiu bela urbo.

Kiel vi jam konstatis, la Loka Kongresa Komitato faris kaj faras ĉion eblan por plifaciligi nian restadon ĉi tie, por favori interkonatiĝon, por transformi tradician kongreson en aparta evento. Dank` al sia fervora varbado nia kongreso gajnis plurajn partoprenantojn kaj novajn simpatiantojn.Nome de IFEF mi kore dankas pro ilia sindona agado al **Zsófia Kóródy** kaj **Peter Zilvar,** kaj mi konkretigas tiujn dankojn per ilia honorigo per Honoraj Diplomoj de IFEF.




Kaj ankaŭ mi dankas vin pro via ĉeesto, ĉar niaj germanaj kolegoj laboregis streĉe kaj intense por perfekte akcepti nin, kaj sen nia partopreno tiu laboro estus vana!

Sen partoprenantoj ne ekzistas kongreso, ĉu ne?

Ofte ŝvebas ĉirkaŭ ni tiaj preokupoj kaj demandoj:

– ĉu spite al mondaj krizoj, spite al malkresko de la membraro, IFEF survivos?

– ĉu spite al kongresoj pli kaj pli maltmultnombraj, plu okazos IFEF kongresoj?

– ĉu spite al malĵuniĝo de nia federacio, ni havos dum longa tempo komunan estontecon?

Por nova estrar-teamo kiu konfrontiĝas kun tiuj demandoj, la respondo ne estas facila. Al tiaj provokoj ĝi devas serĉi kaj trovi taŭgajn solvojn. Pro tio, inter du kongresoj, ni laboras por konkretigi tiujn solvojn, tiel ke nun ni povu veni antaŭ vi kaj prezenti kuraĝigan situacion.

Dum la pasinta jaro okazis oftaj kontaktoj de la IFEF estraro kun diversaj organizoj

kaj instancoj el pluraj landoj tiel, ke ni povas raporti hodiaŭ al vi, ke:

– estas ankoraŭ landaj asocioj, kiuj intencas inviti la estontajn IFEF kongresojn,

– kelkaj Esperantaj Asocioj proponas komunajn kongresojn kun IFEF,

– pluraj Esperantaj Organizoj pretas plifortigi la kunlaboron kun nia federacio, renovigante la oficialajn interkonsentojn.

La plej ĝojiga informo estas, ke sekve al tiuj kontaktoj nova Landa Fervojista Asocio stariĝis en Kubo kaj pretas aliĝi al IFEF.

Pro tio mi restas optimisma pri la sekvontaj jaroj! Mi forte esperas, ke nia teamo sukcesos – pere de via helpo – direktigi antaŭen nian Federacion.

Pensante pli proksimen pri hodiaŭ, mi demandis je la komenco, kio tamen povas kunigi ĉi tie, tiom da partoprenantoj...

Al pluraj kialoj jam estas priparolitaj, mi plie mencias la etan ĉarman rezidejan urbon Herzberg am Harz-die Esperanto-Stadt – la Esperanto-Urbo, kiu pro sia situo kaj historio ofertas al ni mirindan naturon kaj riĉan kulturon; la grandegan gastamon, kiun mi konstatis kaj sentis ekde la unua paŝo farita en Herzberg, kie oficialaj esperantlingvaj ŝildoj bonvenigas nin; kaj ankaŭ la ege riĉan programon proponitan de niaj gastigantoj, kiu certe kontentigos ĉiujn postulojn.

Ĉiuj tiuj kialoj kune povus inciti nian imagpovon por konsenti la provokon de la organizantoj, kiuj promesis al ni… ***„idealan, unikan internacian kongreson“.*** Al tio mi aldonas: ***„hejman kongreson“,*** ĉar ĉi tie, la esperantistoj sentas sin hejme. Finfine, mi trovis la plej taŭgajn vortojn por priskribi la 64-an IFEF kongreson en Herzberg am Harz – la Esperanto-Urbo / die Esperanto-Stadt, Germanio.

Per tiuj optimismaj pensoj, en la nomo de IFEF mi deziras sukcesajn, riĉigajn, klerigajn kaj amuzajn tagojn en tiu hejma kongresa urbo.

Mi deklaras la kongreson malfermita!

**Rodica Todor**

---

# SALUTVORTOJ POR LA 64-a KONGRESO DE IFEF

Nome de la kubaj esperantistaj fervojistoj mi, Miguel Angel Gonzalez Alfonso (komisiito pri Instruado de Esperanto en Kubo, kaj ILEI-Sekciestro en Kubo, prezidanto de la esperantista klubo „La Najbaroj“ de la Kuba Esperanto Asocio) deziras al vi sukcesplenan kongreson kun bonaj decidoj kaj rezultoj.

Ni, la esperantistaj fervojistoj en Kubo grupiĝas. Mi prelegas al tiuj fervojistoj, kiuj ankoraŭ ne estas esperantistoj. Baldaŭ estos rezulto, sed oni devas doni iom da tempo.

La Kuba Esperanto Asocio donas eblecon instrui Esperanton al la kubaj fervojistoj, kaj okazigi internacian kongreson de IFEF, kiam estiĝos la kondiĉoj. Jen paŝo antaŭen, kaj mi subtenas kaj subtenos tiun aferon. Oni instruos Esperanton al la fervojistoj pere de la eminenta programo, verkita de la elstara esperantisto kaj instruisto S-ro Stefan MacGill.

Estas honoro, ke ni kubaj fervojistaj esperantistoj povas esti membroj de tiu mirinda organizaĵo, kiu pere de Esperanto disvastiĝas en la fervoja mondo.

Longan vivon al Esperanto! Longan Vivon al la IFEF Kongresoj!

Mi deziras sukcesan 64-an kongreson al la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Miguel Angel Gonzalez Alfonso**,

# Salutvortoj al la 64a kongreso de IFEF en Herzberg am Harz – la Esperanto urbo Plenum-Komitato de SAT

Karaj partoprenantoj de la 64-a IFEF-kongreso en Herzberg,

Nome de la plenumkomitato de Sennacieca Asocio Tutmonda, mi salutas vin ĉiujn kaj deziras la plej fruktodonan laboron al via kongreso.

Antaŭ du jaroj la partoprenantoj de la SAT-Kongreso en Braŝovo „invitis la Plenum-Komitaton malfermi rilatojn kun IFEF, minimume per sendo de salutmesaĝo al la kongreso, kaj se eble per kreado de laborgrupo por starigo de tutmonda publika fervojmastruma sistemo“.

Unua paŝo en tiu pliintensigo de niaj rilatoj estis la veno al la SAT-Kongreso en Sarajevo, pasintjare, de Pavlin Boevski, kiu ebligis tre riĉan interŝanĝon de informoj pri la situacio de fervojoj en diversaj landoj. Bedaŭrinde ni ne povis ĉijare reciproki tion per venigo de mandatita SAT-aktivulo al via kongreso, do mi klopodos nun kompensi ĉi tion per elmeto de kelkaj ideoj al via pripensado.

IFEF kaj SAT estas du malsamaj asocioj, sed ili plurrilate komplementas unu la alian. En IFEF troviĝas multaj kompetentaj teknikistoj. En SAT ĉeestas unuavice uzantoj de fervojoj, kaj homoj interesitaj de la socipolitikaj aspektoj ligitaj al fervoja funkciado. Temas pri du malsamaj aferoj, sed kun multaj ligoj. Pri tio atestas anekdoto, ke la samideano, kiu devis pasintjare prelegi en Sarajevo nome de IFEF, estis anstataŭita lastminute de Pavlin Boevski ĝuste ĉar li devis gvidi strikon de lokomotivistoj en Danio. Cetere, la reltransportado (kaj aliaj transportadoj) estas unu el la plej bonaj ekzemploj de la sennaciiĝinta karaktero de la moderna socio, pri kiu estas plej sence, ke esperantistoj okupiĝu.

La „Starigo de tutmonda publika fervojmastruma sistemo“ povas ŝajni patose grandioza celo por manpleno da esperantistoj, kiuj pretus labori pri tio en IFEF kaj SAT.

Evidente, ni ne solaj atingos tion, sed ni certe povus alporti valoran kontribuaĵon al ĉi tiu projekto, interrilatigante diversajn homojn, kiuj interesiĝas pri la temo tra la mondo, kaj helpante vivigi debaton pri la preciza signifo de tiu celo, kiu certe povas esti komprenata diversmaniere.

Pli konkrete, la septembro-oktobra numero de Sennaciulo enhavas dosieron pri la temo „Publikaj servoj: kiel evoluas la situacio en via mondparto?“. Ĝi estus perfekta loko por eki la diskuton, se eble surbaze de rektaj spertoj, kiujn vi mem kolektis en fervoja medio. La limdato por sendo de kontribuoj estas la 10-a de septembro.

Kaj kompreneble tiuj el vi, kiuj preferas rektajn homajn interŝanĝojn estos kore bonvenaj en Jalto, kie okazos la venonta SAT-Kongreso inter la 11-a kaj la 18-a de aŭgusto.

Kore via
**Vinko Markovo**
Prezidanto de la Plenum-Komitato de SAT

# JARRAPORTO DE LA SEKRTARIO PRI LA JARO 2011

**Antaŭrimarkigo**
La ordo de la raporto egalas kun tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Oni trovas pli detalajn informojn pri diverspecaj agadoj en la lasta „Resuma jarraporto de la landaj asocioj".

**Niaj mortintoj**
Listo de mortintoj estos legata dum la plenkunsido en la 64-a IFK en Herzberg.

**1. Membrostato**
La aktuala membrostato de IFEF estas: 490 laŭ la pagitaj kotizoj, 1307 laŭ la sumo de la membroj de la unuopaj landaj asocioj.

**2. Interna laboro**

**2 .1. Estrarkunvenoj**
La estraro kunvenis dufoje: en Parizo (FR) 07.03.2011. Ĉeestis la estraro kaj la Ĉk Jindřich TOMÍŠEK. Gastoj: Anna Abelovská (CZ) flanke de la LKK de la 63-a IFK; Jean RIPOCHE (FR) flanke de la Redaktora Komisiono (nur matene); K-ano Denise Happi-Fosso. Oni parolis ĉefe pri la organizado de la 63-a IFK en Liberec kaj pri la koncernaj problemoj. Alia diskuto estis pri la kongres-propono de GEFA pri tranoktad-kostoj de la e-o, Ĉk kaj gvidantoj de TK, TS, FAS, FFK dum la kongresoj.
La duan fojon la e-o renkontiĝis en San Benedetto del Tronto (IT) 29.09.2011. Ĉeestis la estraro kaj la Hpr Romano BOLOGNESI. La elekto de la urbo estis farita por esplori la eblecon kongresi tie en estonto. La estraro parolis pri la organizado de la 64-a IFK en Herzberg, kaj pri la redaktoraj problemoj, kiel oni povus malaltigi la presad- kaj sendad-kostojn. Alia temo estis la kunlaborado inter aliaj esperantaj asocioj.

**2.2. Ĉefkomitatano**
Li plenumis siajn multflankajn taskojn akurate; i.a. li forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la Vp. Kune kun la Ks/Rd ili daŭre ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Rilate al la deandilo e-o petis la Ĉk-n adapti ĝin al la nova laborplano de IFEF.

**2.3. Vizitoj**
Dum la e-kunsido en Parizo ne okazis speciala renkontiĝo, sed vespere post la kunsido la e-o vizitis la kvartalon de "Montmartre". Dum la e-kunsido en San Benedetto la e-o vizitis kongresejon, hotelon kun kunsid-salonoj, la urbon por rigardi la poziciojn de la hoteloj. Post la kunsido okazis vizito al diversaj mezepokaj urbetoj el la ĉirkaŭaĵoj.

**2.4. Evoluo en kelkaj landoj**
Malbonŝance, ke en kelkaj landaj asocioj de IFEF la agado iom stagnas, sed komparante la membrostatojn de la landaj asocioj al la membro-kotizoj de IFEF, la diferenco estas pli esperiga.

**3. Laborplano**

**3.1. Koresponda Servo**
IFEF forlasis la modelon "Koresponda Servo", ĉar la korespondado okazas pere de interreto, eĉ pli bone estas per IFEF diskutad-grupo, en kiu ĉiuj listanoj povas partopreni malgraŭ tio, ke ne multaj fervojistaj esperantistoj aliĝis kaj uzas ĝin.

**3.2. Junularo**
Nenio estas rimarkinda.

**3.3 Faka Komisiono**

**3.3.1 Terminara Sekcio**
La projekto “RailLex” daŭras plu, estas preta la 4-a versio de la CD-ROM diskedo oficiala de UIC. La vortaro rete estas uzebla senpage.
Bonaj rilatoj estas la kunlaboro kun TEC (Terminologia Esperanto-Centro de UEA), la terminoj aperintaj en PIV estis akceptitaj sen diskutoj.

**3.3.2 Fake Aplika Sekcio**
En 2011 aperis “Fervojfakaj Kajeroj“ n-ro 19.

**3.4. Fervojista kontaktkunveno dum la 96-a U.K. Kopenhago (DK)**
La tradicia “Fervojista kontaktkunveno” okazis dimanĉe posttagmeze, en kiu partoprenis 23 kongresanoj el 12 landoj, inter alie la IFEF Pr, la Vp kaj Rd. Okazis ankaŭ “Fervojfaka Ekskurso” al la bontenad-centro de la kopenhaga metroo. Tie la gvidanto de la centro prezentis la kontroladan kaj riparadan laboron de la metroo-vagonoj, la funkciadon de la aŭtomata trajnregado kaj bloksistemo. (raporto en IF 2011.6)

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF vintra semajnoj**
Internacia vintra semajno ne okazis, sed kelkaj landaj asocioj organizis landajn aranĝojn, en kiuj partoprenis ankaŭ eksterlandanoj.

**4.2. IFEF-Kongreso**
La 63-a IFK okazis en LIBEREC (CZ) 07-14.05.2011. Ĉeestis 173 partoprenantoj el 18 landoj.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**
La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. IFEF estas la plej vasta kaj unu el plej bone organizitaj fakaj esperantistaj aliĝintaj asocioj.

**5.2. FISAIC**
La kontaktoj kaj kunlaboroj inter FISAIC kaj IFEF estas relative bonaj. Bedaŭrinde kelkaj landaj asocioj de FISAIC (plu ne aliĝas al ĝi – helyett) eksmembriĝis, tio espereble ne ŝanĝigos la rilatojn kun nia Federacio.

**Fina komentario**
La situacio de nia asocio ne ŝanĝiĝis dum la jaro 2011. La membrostato – kiel jam dirite – malrapide sed tamen malkreskas, kvankam iu espero montriĝas en kelkaj landoj kie nun ne estas landa asocio, sed estas fervojistaj esperantistoj. La Ĉk plurfoje instigis kelkajn el ili grupiĝi kaj aliĝi al IFEF, sed ĝis nun vane. Ni esperas, ke per daŭra agado (eble se pliboniĝos la ekonomia situacio) ni povos akiri aliajn landajn asociojn. Rimarkinda estas la pliboniĝo de la rilatoj inter aliaj esperantaj asocioj, en la estonto estos antaŭviditaj kunlaboroj kaj helpoj dum (eventualaj komunaj) kongresoj. Ni esperas ke tiuj ĉi kunlaboroj donos al ni puŝon por renovigi nian Federacion, kaj trovi aliajn rimedojn al nia kreskado.

**Vito Tornillo**

# Raporto de la ĉefkomitatano

Krom dumkongresaj kunvenoj mi partoprenis la printempan estrarkunvenon, okazinta en kunligo kun la jara Franca Fervojista Esperanto-Kongreso, la 4-an de aprilo 2012 en la urbo Angers. Estis studitaj organizaj, financaj, redaktoraj aferoj, analizata situacio en kelkaj landoj, rilatoj de IFEF kun UEA kaj FISAIC, eĉ kun aliaj fakaj asocioj, kiel ILEI, UMEA kaj ISAE. Komence partoprenis ĝin la kubano Miguel Alfonso, kiu post reciproka informado kaj traktado esprimis sian esperon fondi Kuban Fervojistan Esperantan Asocion, kaj peti aliĝon al IFEF. La rezulto de la ĝisnuna kunlaboro estas, ke li sukcesis arigi 16 geesperantistojn, kies nombro espereble plu kreskos, estas preparata elektokunveno por elekti la estraron, kiu poste petos akcepton de la nova asocio al IFEF.

Mi klopodis daŭrigi kontaktojn kun individuaj membroj kaj por trovi kontaktulojn en aliaj landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan landan asocion.

En interkonsento kun estraranoj mi preparis Cirkuleron kaj Demandilon pri jarraportoj 2011 kaj sendis al la kutimaj adresoj.

En kunlaboro kun la vicprezidantino mi kolektis jarraportojn, kaj kunlabore kun la kasisto ni ĝisdatigis la a adresaron de la IFEF-funkciuloj. Entute jarraportoj alvenis el 14 landoj, malgraŭ petoj ne sendis tiujn Germanio, Japanio, Norvegio, Serbio kaj Slovakio.

Mi klopodis informi pere de gazetoj kaj radiostacioj sendante al ili informojn kaj raportojn. La plej bona tiucela kunlaboro estas kun Ĉina Radio Internacia, Radio Vatikana, Radio Havano Kubo kaj Pola Retradio, kiuj plurfoje raportis pri la IFEF-agado kaj aranĝoj.

En kunlaboro kun D-ro Heinz Hoffmann lastjare mi preparis kaj rete sendis dekdu kolektojn de fakaj informoj kun titolo „El fervoja mondo“ kaj tri „El kongresa lando“, ĉijare ĝis nun du, respektive kvar, kaj mi strebas daŭrigi tiun ĉi informan agadon. Mi dankas al D-ro Heinz Hoffmann por la kunlaboro sur tiu ĉi kampo.

Nesukcesaj klopodoj restas sur kampo por plivigligi la agadon en landoj kiel Svisio, Nederlando, Svedio, Finnlando kaj aliaj, kie siatempe ekzistis bone funkciantaj landaj asocioj.

Mi kore dankas al la estraranoj, al la komitatanoj kaj al ĉiuj aliaj membroj, kiuj kunlaboras kaj helpas al mi plenumi miajn taskojn.

**Jindřich Tomíšek**

.......................................................................................................................

# Raporto de la FK-gvidanto al la 64-a IFK

Aldone al la raportoj de la sekretarioj (de Fake Aplika Sekcio kaj de Terminara Sekcio) Jan Uldal Niemann aldonis, ke ankoraŭfoje FK sukcesis pretigi por la kongreso FFK-on, n-ron 20, kun fervojrilataj artikoloj, ke dum la unua kunsido de FK dum la kongreso la funkciuloj de FK pretis reelektiĝi:

gvidanto Jan Uldal Niemann
sekretario Terminara Sekcio Heinz Hoffmann
sekretario Fake Aplika Sekcio Ladislav Kovař
redaktoro Terminara Kuriero Heinz Hoffmann.

FK partoprenos (kiel gastoj unuopaj) ĉe la granda transportfoiro INNOTRANS en Berlin en septembro 2012. Kiu ŝatus partopreni povas turni sin al la gvidanto de FK

**Jan Niemann**

# Raporto de la Fake Aplika Sekcio de la Faka Komisiono

Raporto pri agado de Fake Aplika Sekcio de FK IFEF en periodo 2011/2012.

1. **Internaj aferoj**.

   Dum la pasinta periodo de la lasta kongreso de IFEF en Liberec ne okazis iu speciala aranĝo por FAK-membroj.

   Malgranda grupo de aŭstraj kolegoj sub gvido de Martin Stuppnig vizitis en junio 2011 Fervojan foiron Czech Raildays en Ostrava.

   Dum la konferenco de la Ĉeĥa Fervojista Esperanto-Asocio en Rakovník estis prezentitaj prelegoj pri la foiro en Ostrava 2011 kaj fervoja muzeo en Lužná u Rakovníka. Tiun muzeon vizitis partoprenantoj de la konferenco.

2. **Fervojfakaj kajeroj**.

   En ĉi tiu jaro aperas jubilea numero de Fervojfakaj kajeroj kun indiko 20. La enhavo prezentas prelegojn el la pasinta kongreso en Liberec, kaj estis kompletigitaj per artikoloj de Lene Niemann kaj Jindřich Tomíšek. Denove mi volas el ĉi tiu loko danki al la danaj kolegoj pri multaj prizorgoj rilate kun eldono de la nunjara numero.

3. **Faka programo dum la 64-a IFEF kongreso**.

   Por la nunjara kongreso estis preparita kiel ĉefa prelego materialo pri dana kaj germana plano de kunligo de ambaŭ landoj sub titolo „La baltmara tunelo“. La prelegon preparis kolegoj el Danio kaj Germanio.

4. **Prelegetoj.**

   Dum ĵaŭda programo dediĉita al fakaj prelegoj estos prezentitaj sekvantaj kontribuaĵoj:

   1) H. Hoffmann: Sciindaĵoj pri Harcaj Etŝpuraj Fervojoj
   2) S. Krüger: Fervoja projekto Stuttgart 21
   3) L. Niemann: Metroo en Riyadh
   4) J. Matuška: Trafika salono de Universitato Pardubice
   5) L. Kovář: Nova silkvojo
   6) M. Retzlaf: Rememoro je J. Giessner
   7) Z. Hinšt: Elstaraj Kroataj esperantisto
   8) P. Boevski: Novaĵoj de Bulgaraj Fervojoj



*Lene Niemann fakprelegas*

Dum la programo estis ankaŭ prezentita lubiciklo de Germanaj fervojoj DB fare de Bodo Ehrlich.

5. **Faka programo dum la 97-a UK 2012 en Hanojo.**

Verŝajne ne okzos faka kuveno dum la UEA kogreso.

6. **Antaŭviditaj okzoj en la jaro 2012.**

- Czech Raildays Ostrava 19. – 21.6.2012
- Innotrans Berlin 18. – 21.9.2012

**Ladislav Kovář**

---

# Raporto de la sekretario de la Terminara Sekcio

Karaj gekolegoj.

Inter la 63-a kaj la 64-a kongresoj la Terminara Sekcio traktis 19 fervojfakajn nociojn, pri kies terminoj ni en ĉi tiu kongreso decidas. Mi ĝojas, ke dum la lastaj monatoj iom pli da kolegoj rete liveris terminarajn kontribuojn.

En la terminaro de Internacia Fervojunio *UIC* aktuale troviĝas 1612 difintekstoj tradukitaj en Esperanton.

Nia Faka Komisiono ricevis unu senpagan *CD-ROM*-diskon *RailLexic 4* kun nun 24 lingvoj – 5 pli ol antaŭe. Nia gvidanto *Jan Niemann* alportis ĝin ĉi tien, por esplori kaj pridiskuti eblojn, kielmaniere uzi ĝin fare de kunlaborantoj. La instalad-eblo estas limigita, kaj kopiado ĝis nun ne sufiĉe esplorita. Ĉiu plia ekzemplero kostas 145 eŭrojn.

Pli avantaĝa estas reta versio. Jam ekde la nuna jaro ĝi funkcias, sed nur por membroj de Terminologia Grupo de *UIC* – kiel mi. Sed *UIC* planas, ĝis la jarfino krei version por klientoj. Alirkostoj ankoraŭ ne estas deciditaj.

Bona informo estas, ke jam ekde aprilo funkcias reta versio de Plena Ilustrita Vortaro PIV. Por ties senpaga aliro necesas nur iri en la retejon www.vortaro.net kaj registri sin per salutnomo kaj kodvorto. Post ĉiufoja enigo de tiuj 2 vortoj oni povas entajpi deziratan terminon, alklaki la vorton „serĉi" kaj legi la koncernan PIV-enhavon.

Por ke la sistemo daŭre funkciu, la organizaĵo Edukado@Interreto petas pri mondonaco.

Mi deziras sukceson

**Heinz Hoffmann**

# NI FUNEBRAS

## Otto Rösemann

Granda perdo batis la fervojistan esperantistaron kaj enlande, kaj internacie. La 18-an de februaro forpasis en sia 89-a vivjaro la iama sekretario de GEFA kaj iama sekretario de IFEF (1982-1989) Otto Rösemann. Li studis la lingvon Esperanto ĉe Willi Brandenburg. Li estis vera adepto de Zamenhof. Por aliĝi al la Esperanto-movado li entuziasmigis ankaŭ sian familion, nome la edzinon Gertrud kaj la infanojn. Ili vizitis multajn jarkunvenojn kaj kongresojn. Otto faris prelegojn pri movadaj aferoj, eĉ ne nur enlande sed ankaŭ eksterlande, precipe pri "IFEF kiel mondorganizaĵo". Li estis Lkk-membro de la 44–a IFEF-Kongreso en Münster. Pro lia rezultohava movada laboro IFEF honoris lin kun la distingo "Honora Membro de IFEF".

**Germana Esperanta Fervojista Asocio**

## Johanna Gössl

La aŭstria esperantistaro kaj la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio perdis unu el la plej entuziasmaj kaj fervoraj membroj. La 9-an de februaro en sia 71-a vivjaro mortis Johanna Gössl en Linz. Dum sia vivo ŝi dediĉis multajn tempon kaj energion por Esperanto. En 1959 ŝi alproprigis la lingvon Esperanto, partoprenis multajn IFEF-kongresojn, kaj ŝi multe kontribuis al la Esperanto-vivo en Linz. Kune kun sia fratino Greta ŝi aktive partoprenis la preparlaboron de IFEF-kongresoj, okazintaj en Aŭstrio. Ŝia forpaso signifas grandan perdon por la nacia kaj internacia Esperanto-movadoj.

**Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

## Enrico Molesini

Kun profunda doloro ni informas la fervojistajn esperantistojn, ke la 16-an de februaro, en sia 78-a vivjaro mortis Enrico Molesini. Li estis direktoro de la profesia lernejo en Verona. Ekde 1988 li estis membro de la Itala Fervojista Esperanto-Asocio, kaj dum longa tempo li estis estrarano de tiu. Li aktivis en la organizado de gravaj manifestacioj, kiel la Eŭropa-Kongreso en Verona en 1992, kaj kiel LKK-vicprezidanto dum la 45-a IFEF-kongreso en Cervia en 1993. Li sperte kunlaboris en la redaktado de nia informa bulteno „Itala Fervojisto". Lia afableco, bonkoreco kaj kapablo mankos al ni ĉiuj. Ni neniam forgesos lin!

**Itala Fervojista Esperanto-Asocio**

## André Hervouet

La Franca Fervojista Esperanto-Asocio perdis unu el siaj plej fervoraj membroj. La 29-an de marto mortis en Parizo en sia 92-a vivjaro André Hervouet – patro de Denise Happi-Fosso kaj de Andrée Legeard. Kiam li havis 16 jaraĝon, li eklernis Esperanton en Nantes, ĉeestante la kursojn de Lydia Zamenhof, la filino de nia Majstro. Esperanto rapide fariĝis tre grava en la vivo. Pro Esperanto li multe vojaĝis tra tuta Eŭropo, kaj li dediĉis multan libertempon por la Esperanto-movado. La tuta franca esperantistaro funebras pro lia forpaso. Honoro al lia memoro!

**Franca Fervojista Esperanto-Asocio**

**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu“
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud“**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Misztótfalusi Nyomdaipari Kft.
Hungarlando
**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„kovar.lad@email.cz“

# Ekde nun rezervu la datojn por ĉeesti la venontan IFEF kongreson okazotan apud Bordozo (Francio) de la 4-a ĝis la 11-ade majo 2013. Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe viaj landaj asocioj. Temo de la kongreso: Rolo de la fervojoj en la disvolviĝo de la moderna mondo.




*Transdono de la kongresa flago al francoj*

